


# INTERNACIA FERVOJISTO

## 2014.6



***La reloj ligas la landojn, Esperanto la popolojn***

# ALVOKOJ

## PRI LA ELDONO DE NIA REVUO IF

En la 5/2014 IF mi jam skribis pri la reduktoj de la pres- kaj sendokostoj de IF, kaj nun mi ripetas tion: En la lasta IFEF-kongreso la komitato akceptis la proponon de la starigo de du malsamaj jarkotizoj. Laŭ tio la jarkotizo restu 9 Eŭroj, se la landaj asocioj petas sendi nian fakan revuon perrete, kaj estu 15 Eŭroj kun papera sendo de tiu. Ekzemple tiu landa asocio, kiu ĝis nun ricevis 20 ekzemplerojn papere, kaj ekde la 1-an de januaro ĝi petas papere nur 5 ekzemplerojn, tiu landa asocio pagas jarkotizon 15X9, kaj 5x15 Eŭrojn.
Mi denove petas la landajn asociojn, ke ĝis la fino de novembro 2014 anoncu al la redaktoro kaj al la kasisto de IFEF la ekzemplero-nombron de la bezonata papera IF. Kiu landa asocio anoncos nenion, mi sendos la revuon tiel, kiel ĝis nun.

**La red.**

## PRI LA FAKPRELEGOJ

Laŭ la programo de la 67-a IFEF-kongreso estos aranĝitaj fakprelegoj dum la kongreso. La prelegdezirontoj povas anonci sin al la LKK de la kongreso antaŭ la 15-a de marto 2015. LKK elektos la altkvalitajn prelegojn el diversaj landoj, por ke diverslandaj fervojistoj povu interŝanĝi kaj ĝui bonajn rezultojn pri la fakaj scienc-teknikoj kaj fervoja evoluo en la mondo. La temoj estos difinitaj de la prelegontoj mem pri la konstruo kaj evoluo de fervojoj, kaj aliaj eble fervojfakaj temoj.

Bonvolu sendi la prelegojn kun simpla memprezento pri la aŭtoro al la retadresoj: 67ifefkongreso2015@gmail.com. aŭ la67ifk2015@126.com. Ĉiuj prelegoj estos bonvenaj!
**LKK de la 67-a IFK**

## FRONTPAĜO:

**La ŝtonarbaro ĉe Kunming. Al tiu mirinda loko okazos la tuttaga ekskurso dum la 67-a IFK**

# ENHAVO:




**Kongresnumero .........................**

# ALIĜILO por la 67-a kongreso de IFEF 16-a ĝis 23-a de majo 2015

**LKK-adreso:** Kunming-a Arta Profesia Kolegio, Huan Hu Dong Lu, Distrikto Guandu, Kunming, Yunnan, Ĉinio
Telefonnumero : 86-0871-67328966
Retadreso: 67ifefkongreso2015@gmail.com
**Banko-nomo :** TUO DONG ROAD BRANCH OF CHINA CITIC BANK, KUNMING, YUNNAN, P.R.CHINA
**IBAN :** 7302310182600003580
Mi aliĝas al la 67-a IFEF-kongreso en urbo Kunming, Ĉinio.
IFEF-ano jes ☐ ne ☐ viro ☐ virino ☐
Familia nomo : ..........................................................................
Persona nomo :.............................Naskiĝjaro :..................................
Adreso: Strato...........................................................................
Poŝtkodo :.......................Urbo :.............................Lando :..........................
Telefono :........................Retadreso :................................................

| Kongreskotizo en eŭroj | Ĝis 31.01.2015 | Poste | Sumo |
|---|---|---|---|
| IFEF-membro | 50 | 70 | |
| Familiano kaj junul(in)o ĝis 30 jaraj kaj loĝantoj el B-landoj laŭ UEA-difino | 25 | 45 | |
| Ne IFEF-membro | 65 | 85 | |
| Ĉambro-perado por aliĝilo | 3 | 3 | |
| Libervola donaco al la kongresa kaso | | | |

**PROPONITAJ EKSKURSOJ EN EŬROJ**

| | | |
|---|---|---|
| 18 de majo, lundo | Duontaga ekskurso 1:Parko Cuihu, Fervoja muzeo | 15 |
| 19 de majo, mardo | Duontaga ekskurso 2: Draka pordo | 25 |
| 20 de majo, merkredo | Tuttaga ekskurso:Ŝtona arbaro | 50 |
| 23 de majo, sabato | Krom restado (ekskursoj) x tagoj | |
| 22-28 de majo | Postkongresa ekskurso: Kunming-Dali-Lijiang-Xishuangbanna(7 tagoj 6 noktoj) | 500 |
| | Tuta sumo | |

Loko, dato.......................................... Subskribo.........................................

Kongresnumero..........................

## ĈAMBRO MENDILO
## POR LA 67-A KONGRESO DE IFEF EN KUNMING ,ĈINIO

16-a ĝis 23-a de majo 2015

(Bonvolu plenigi la formularon majuskle) s-ro □ s-rino □

Familia nomo: ...........................................................................

Persona nomo: ................................................... Naskiĝjaro:...........................

Adreso: strato..............................................................

Poŝtkodo:..................... Urbo:................................. Lando:.......................

Mi mendas la jenajn noktojn (Bonvolu kruci laŭ via deziro) :

| Noktoj | 15/16 | 16/17 | 17/18 | 18/19 | 19/20 | 20/21 | 21/22 | 22/23 | 23/24 | 24/··· |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| | | | | | | | | | | |

Ĉambroprezo estas por unu persono kaj por unu nokto kun 3-foja manĝado en memserva restoracio de la hotelo

| Ĉambroj de Fu Bao Kultura Vilaĝo | Unulita ĉambro | Dulita ĉambro |
|---|---|---|
| Luksa kun saloneto por gastoj | 75,00 € | |
| Normala | 55,00 € | 45,00 € |

- Mi elektas hotelon ..............lita ĉambro
- Mi deziras loĝi kun:.........................................................................................
- Mi konfirmas, ke mi konsentas kun la Ĝeneralaj instrukcioj presitaj en ĉi tiu aliĝilo kaj aparte deklaras, ke mi havas san-kaj akcident- asekuron por mia restad-tempo en Cinio dum la 67-a Kongreso de IFEF.
- Mi konsentas, ke mia nomo, urbo, lando aperu en la kongreslibro □
- Mi alvenos al Kunming per ........................ la........... .-an de majo je la.........-a horo.

Loko......................dato.............. ....... Subskribo....................

Notoj por viaj bezonoj:

# PROGRAMO DE LA 67-A KONGRESO DE IFEF EN KUNMING, ĈINIO

**16-a -- 23-a de majo 2015**

| KIAM | | KIO | KIE |
|---|---|---|---|
| 16.05 Sabato | 08.00- | Akceptejo/informejo | En la kunvenejoj de la Vilaĝo |
| | 09:00-10:00 | Kunsido de la ĈEL kaj LKK | |
| | 10:30-11:30 | Gazetara konferenco | |
| | 14:00-16:00 | ILEI-seminario(1) | |
| | 19:30-21:00 | Kunsido de la IFEF estraro kaj LKK | |
| | 20:00-22:30 | Interkona vespero | |
| 17.05 Dimanĉo | 08:00- | Akceptejo/informejo | En la kunvenejoj de la Vilaĝo |
| | 09:00-09:30 | Akcepto de urbestro | |
| | 10:00-12:00 | Solena inaŭguro de la 67-a IFEF-kongreso kaj la **11-a Ĉina kongreso de Esperanto** | |
| | 12:00-12:30 | Kunfotado | |
| | 14:00-16:00 | ILEI-seminario(2) | |
| | | **Kunsido de fakgrupoj de ĈEL** | |
| | 19:30-21:30 | Nacia vespero | En la Kolegio |
| 18.05 Lundo | 09:00-11:00 | Nepublika komitatkunsido de IFEF | En la kunvenejoj de la Vilaĝo |
| | 11:30-12:30 | **Fermo de la 11-a Ĉina Kongreso de Esperanto** | |
| | | Faka komisiono de IFEF (1) | |
| | | ILEI-seminario(3) | |
| | 14:00-18:00 | Duontaga ekskurso(1) | Fervoja Muzeo, Verda Lago |
| | 19:30-21:00 | Nacia vespero (Folklora) | En la Kolegio |
| 19.05 Mardo | 09:00-12:00 | Plenkunsido de IFEF | En la kunvenejoj de la Vilaĝo |
| | 14:00-18:00 | Duontaga ekskurso(2) | Xishan-monto |
| | 19:30-21:30 | Internacia vespero | En la Kolegio |
| 20.05 Merkredo | 08:00-17:30 | Tuttaga ekskurso | Ŝtonarbaro |
| 21.05 Ĵaŭdo | 09:00-12:00 | Fakprelegoj(1) | En la kunvenejoj de la Vilaĝo |
| | 14:00-17:00 | Fakprelegoj(2) | |
| | 17:00-18:30 | Movadaj aferoj kaj fervojaj novaĵoj | |
| | 19:00-22:00 | Bankedo kaj balo | |
| 22.05 Vendredo | 09:00-10:30 | Faka komisiono de IFEF (2) | En la kunvenejoj de la Vilaĝo |
| | 10:30-12:00 | La venonta kongreso sin prezentas | |
| | 14:30-17:00 | Solena fermo de la IFEF-kongreso | |
| | 19:30-21:30 | Adiaŭa vespero | En la Kolegio |
| 23.05 Sabato | 08:00-16:30 | Forveturo hejmen aŭ al la postkongresa ekskurso: Dali-Lijiang | |

# PRI LA KONGRESURBO KUNMING

Kunming, nomata “Printempa urbo” pro la printempa klimato tutjare, estas la ĉefurbo de Yunnan-provinco, ĝi estas la politika, kultura, ekonomia kaj sciencteknika centro de la provinco kaj la nodo de trafiko kaj komunikado. Sub la urbo Kunming estas kvin distriktoj: Wuhua, Panglong, Xishan, Guandu kaj Dongchuan, ok gubernioj: Jinning, Chenggong, Yiliang, Shilin, Songming, Fuming, Luquan kaj Xundian, kaj ankaŭ unu suburbo Anning. La urbo Kunming havas pli ol unu milionon da loĝantoj kaj 2 milionojn da enmigrintaj loĝantoj de aliaj lokoj .



*La stacidomo de Kunming*

En Kunming troviĝas amaso da naturaj vidindaĵoj kaj antikvaj ruinoj. 108 humanaj kaj naturaj pejzaĝoj strukturas platformon en la disvolviĝo de la urba turismo kaj la turisma kulturo.

Kunming posedas apartan avantaĝon en la ekonomia evoluo kaj la natura fiziologia stato. Kunming estas la plej bona loko taŭga por vivi kaj disvolviĝi al la homaro. Diversaj naciecoj nutras la distingitan turisman kulturon per kolorriĉaj moroj.



*Pagodo en Kunming*

Ĉe la Internacia Flughaveno Kunming (Changshui) kaj ĉe la fervojstacidomo LKK-anoj kun volontuloj de la kongreso akceptos kongresanojn de diversaj landoj.

**LKK**

# LA 99-A UNIVERSALA KONGRESO EN BONAERO 26.7. - 2.8. 2014

La 99-a Universala Kongreso de Esperanto okazis en Argentino. Ĝi estas la dua plej granda ŝtato de Suda Ameriko. Ĝiaj najbaraj landoj estas Ĉilio, Bolivio, Paragvajo, Brazilo kaj Urugvajo. Oriente ĝiajn bordojn banas Atlantika Oceano. La ĉefurbo Bonaero havas humidan subtropikan klimaton. La lando havas pli ol 40 milionojn da loĝantoj. En Bonaero vivas 3 milionoj da ili, sed kun la ĉirkaŭaĵo ĝi atingas preskaŭ 13 milionojn da enloĝantoj. Ĝi estas ĥaosa urbego pulsanta tage kaj nokte. Kiel en ĉiu grandega urbo la loĝantaro ne facile vivas tie. Meze de bruega amaso regas malsekureco. Malbono okazis al pluraj esperantistoj. Ili estis priŝtelitaj kaj eĉ per armilminaco iu estis devigata fordoni siajn valoraĵojn.



*La obelisko en la ĉefplaco de Bonaero*

Argentino unuafoje gastigis la UK-on, al kiu enskribiĝis 706 geesperantistoj el 57 landoj. La evento plej parte okazis en la urbocentro de Bonaero en la hotelo Panamericano, proksime al Obelisko. Malfermo, fermo kaj ĉiuj vesperaj kulturaj programeroj okazis en Teatro Metropolitan. Kiel kutime sabate vespere okazis la tradicia Movada Foiro, kie diversaj esperantistaj organizoj kaj asocioj informis pri sia ekzisto, prezentis siajn estontajn aranĝojn kaj varbis novajn anojn.

Dimanĉe la 27-an de julio inaŭguriĝis la 99-a UK per festparolado de la prezidanto de UEA Mark Fettes. La ceremonion ĉeestis ankaŭ kelkaj honoraj gastoj kaj ambasadoroj. Speciala gasto estis Roselyne Dewilde, praparencino de L.L. Zamenhof loĝanta en Argentino. Salutparolis subsekretario de la urba ministerio pri edukado, la prezidanto de LKK Jorge Cabrera, estis legita la mesaĝo de L.C. Zaleski Zamenhof. Poste salutis la kongreson reprezentantoj de

partoprenantaj landoj. Ĉe la fino estis kantata E-himno kaj post tio la kongreso estis malfermita.

La ĉeftemo de la kongreso estis: *Ĉu la nepoj nin benos? Streboj al daŭripova estonteco*. Ĝi estis amplekse pritraktata en grandnombre ĉeestataj prelegoj kaj diskutoj. La bunta semajna programo havis kunvenojn de esperantistaj medicinistoj, komercistoj, sciencistoj, instruistoj, kristanoj kaj aliaj religioj, nefumantoj, blinduloj, SAT-anoj kaj aliaj asocioj. Okazis kurso pri la hispana lingvo, pri tango-danco, pri kaligrafio kaj pluraj prelegoj pri Argentino.




Gejunuloj havis sian programon. Tre aprezataj kaj frekventataj estis paroligaj lecionoj gvidataj de Katalin Kovats kaj Sylvain Lelarge. Ili en amuza formo prezentis kursojn por komencantoj kaj spertigis progresantojn. Estis ebleco partopreni en KER-ekzamenoj al kiuj kandidatiĝis 30 personoj. Esperantlingvaj aŭtoroj prezentis siajn verkojn dum la aŭtoraj duonhoroj en la libroservo.

La nova estraro sub la gvido de la vigla kaj entuziasma prezidanto Mark Fettes alportis plurajn ŝanĝojn al la kongresa programo. La tagoj de la semajno ricevis novajn nomojn bazitajn laŭ ĉefaj punktoj de la laborplano: lundo estis Tago de konsciiĝo, Tago de lernejo estiĝis Tago de kapabligo, ĵaŭdo estis Tago de komunumo kaj vendredo Tago de kunordigo.

Same kiel lastjare en Rejkjaviko, ankaŭ ĉi-jare okazis la 27-an de julio posttagmeze la Ĉina Tago en apuda hotelo Colon. Oni povis admiri belegan foto-ekspozicion pri Pekino, ekscii pri la Esperanto-muzeo kaj pri Esperanto-movado en Azio. La ĝenerala direktoro de UEA Osmo Buller ricevis de ĉinaj

reprezentantoj Premion de kontribuo al Esperanto-Amikeco kaj la dokumentan filmon Longa Rivero.

Nova elemento eniris la kongreson. Kelkaj sportemuloj ĝuis historian futbalmatĉon inter esperantista teamo formita surloke kontraŭ armendevena teamo. La entuziasmo estis granda malgraŭ tio, ke esperantistoj malgajnis. Eble tiu sperto fariĝos nova kongresa tradicio. Tamen mankis alternativa programo por nesportemuloj. Bedaŭrinde oni ne pensis pri vespera tango-spektaklo. En la urbo tiuj abundis. Efektive, en la kongresa programo estis io por ĉiu. Multaj kongresanoj profitis urbajn ekskursojn por malkovri ties belaĵojn kaj historiaĵojn. Per duetaĝa turisma buso eblis trairi la urbon kaj dum pli ol tri horoj admiri multajn interesajn vidindaĵojn. En la urbo troviĝas multaj muzeoj, galerioj, parkoj, ripozejoj. Tute speciala estas la kvartalo "La Boca" kun interesa arkitekturo kaj la fama buntkolore pentrita strato "Caminito". Unu semajno ne sufiĉas por vidi ĉion vidindan kaj ĝui ĉion ĝuindan en tiu-ĉi urbego. Tamen oni povas diri, ke la kongreso estis kontentiga, eĉ se malgranda. Ĉu la homoj rezignis la kongreson pro longa distanco, ĉu pro tro alta kosto, ĉu pro vintra sezono en Argentino, ĉu pro ŝparo por povi partopreni la jubilean 100-an kongreson en Lillo? La plej multaj kongresantoj venis el Brazilo, Japanio kaj Francio. Bonŝance partoprenis pluraj junaj sudamerikanoj. Por iuj ĝi estis la unua kongreso. Ili estis tre kontentaj kaj entuzismaj pri tiu sperto. Partoprenantoj ĝuis la urbon, ekskursojn, manĝojn kaj pasigis la tempon kun novaj kaj malnovaj geamikoj. Laŭ la lastjara kutimo la estraranoj post la fino de la kongreso adiaŭis la partoprenantojn per manpremo.



*Moderna urboparto de Bonaero*

**Liba Gabalda**

# REZOLUCIO DE LA 99-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

„Ni, 706 partoprenantoj en la 99-a Universala Kongreso de Esperanto, venintaj el 57 landoj de ĉiuj mondopartoj al Bonaero, Argentino. Diskutinte en pluraj sesioj pri la temo „Ĉu la nepoj nin benos? Streboj al daŭripova estonteco”.

**Konstatinte** ke Esperanto reprezentas plene aktualan strebadon, kun evidentaj ligoj al aliaj esencaj agadoj kadre de la nuntempaj tutmondiĝaj tendencoj,

ke la celado al sanaj, daŭripovaj socioj, bazitaj sur paco, justeco, demokratio kaj ekonomio servanta al la homoj kun respekto al la vivosubtenaj sistemoj de la naturo, kongruas al la interkultura solidareco, kiu ĉiam motivis la Esperanto-movadon, kaj

ke en la diversaj aliroj al daŭripovo ofte mankas sufiĉa atento al la ligo inter la lingvaj demandoj kaj aliaj esencaj agadoj, kio donas al ni la taskon daŭre kaj pli efike labori tiukampe.

**Alvokas** ĉiujn subtenantojn de Esperanto fari ĉion eblan por plenumi nian apartan rolon kiel movado por justa, konscia multlingvismo, kaj viciĝi inter la diversaj sociaj movadoj por interkultura kaj kontraŭdiskriminacia edukado, homaj rajtoj, naturprotektado, popola klerigado, rimedoŝparaj vivstiloj kaj aliaj.

**Deklaras** ke la valoroj necesaj al la konstruado de daŭripova monda socio estas kernaj valoroj de nia movado, ĉar mondo en kiu Esperanto daŭre havos sencon, estos mondo, kiu ekonomie kaj ekologie, politike kaj kulture konservas diversecon, pacon kaj justecon.”

# LA 47-a ILEI-KONFERENCO EN MONTEVIDEO
# 19a - 25a julio 2014

Antaŭ la Universala Kongreso en Argentino okazis en la urugvaja ĉefurbo Montevideo la 47-a ILEI-konferenco. La eventon ĉeestis 75 geesperantistoj el 26 landoj. ILEI-konferencoj kutime komenciĝas per franda vespero. Ĉiu partoprenanto alportas ion el sia lando por gustumigi la aliajn. Kolektiĝis multe da frandaĵoj kaj interbabilante la homoj konatiĝis. La solena inaŭguro okazis en impona konstruaĵo de la Nacia Parlamentejo. Al la inaŭguro ĉeestis la urbestrino s-ino Ana Olivera kaj du reprezentantinoj de la regiona oficejo de Unesko en Montevideo, inter kiuj estis la direktorino s-ino Lidia Brito. La ĉeestantojn bonvenigis s-ino Mireille Grosjean el Svislando la prezidantino de ILEI. Ankaŭ la urbestrino kore bonvenigis nin kaj deziris al ni sukcesan laboron. Same bonvenigajn vortojn direktis al ni la direktorino de la Unesko-oficejo. Poste parolis la vicprezidanto de UEA Stefan MacGill kaj sekvis du mallongaj prelegoj rilataj al eventoj antaŭ 60 jaroj. En la sama loko la ĝenerala konferenco de Unesco aprobis la unuan rezolucion favoran al Esperanto en la jaro 1954. Por ni tio estis vere grandioza kaj digna evento povi esti en tiu tiom signifoplena historia loko dank' al la klopodoj kaj sukceso de lokaj esperantistoj sub gvido de Sonia Risso. Poste ni havis eblecon viziti sub gvidado la parlamentejon kaj kunvenejojn de deputitoj kaj senatanoj. Impresis la ampleksa biblioteko. Forlasinte la parlamentejon ni en apudeco sur herbejo plantis gujavan arbeton.



Ĉiu aldonis al ĝi iom da tero aŭ akvumis ĝin. Apud ĝi estis malvualita memortabulo kun la jena teksto: Esperanto - Unesko, 60 jarojn kune 1954-2014.



*La Parlamentejo en Montevideo*

La konferencaj prelegoj okazis en Ateneo ĉe la placo "Cagancha". Sur ŝtofo estis prezentita la markemblemo de ILEI. S-ro Alberto Baroccas ricevis de urugvajaj esperantistoj enkadrigitan diplomon pro sia 60-jara laboro por Esperanto. La konferencanoj eksciis pri instruado laŭ Tinĉjo-libro, oni parolis pri nuntempaj tendencoj en la lingvoinstruado kun aparta atento al la rolo de teknologio, pri kultura komunikado, pri la projekto "Ceibal" - havigo de malgrandaj komputiloj por ĉiuj lernejanoj por plifaciligi la lernadon ankaŭ por gepatroj, pri afrika influo en muziko kaj kulturo. La komitato de ILEI elektis du novajn honorajn membrojn - la forpasintan profesoron Helmar Frank kaj s-ron Rob Moerbeek, kiu ĉeestis la konferencon. Krome estis elektitaj kvar novaj landaj sekcioj en Irano, Hispanio, la Demokratia Respubliko Kongo kaj Bulgario. Oni decidis aperigi la revuon Juna Amiko kvarfoje jare.La konferencon partoprenis ankaŭ la prezidanto de UEA Mark Fettes. La simpozio en Montevideo esploris lingvan justecon en praktiko. Okazis serio da interesaj prelegoj: pri indiĝenaj popoloj, pri dulingveco, Esperanto kaj medicino, lingva justeco en Eŭropo kaj multlingveco en Eŭropa Unio, Rob Moerbeek dum la paŭzo animis erarologion kaj la simpozio finiĝis per prezento de rektmetoda kurso en interreto Saluton! Dum la nacia vespero ni ekkonis la historion de Ĉarua etno kaj spektis prezenton de folklora danco, kantojn prezentitajn de infanoj kaj ne mankis tangoprezento. Ankaŭ niaj talentuloj kontribuis al la posta internacia vespero kaj prezentis dancojn, spritaĵojn, deklamis poemojn, gitar- kaj pianludis, kantis. Bonega estis la bankedo en la restoracio "El Fogón" en akompano de muzika duopo. Per duetaĝa turisma buso ni trairis la urbon kun surbendigitaj Esperanto-klarigoj ĉe ĉiu interesa punkto.

Malgraŭ la pluva vetero ni ĝuis belan ekskurson al "Punta del Este". Tie ni admiris marvirinetojn, fingrojn elstarantajn el sablo (monumento fare de ĉiliano Mario Irarrázabal), kie ni fotiĝis man-en-mane. Tre impresa konstruaĵo "Casapueblo" situanta en "Punta Ballena" estas muzeo de Carlos Páez Villaró. Tie oni povas admiri liajn artaĵojn. Atenton elvokis multaj homoj promenantaj surstrate kun termoboteloj, mateujoj kun suĉiloj kaj ĉiumomente trinkantaj la mateon. Ĝi estas la plej populara nacia trinkaĵo en Urugvajo. Oni ankaŭ povis spekti vesperajn tango-dancantojn apud la ĉefstrato. Ĉiu, kiu deziris kaj scipovis havis eblecon enviciĝi kaj kundanci.
Tre interesa estis lingva festivalo antaŭ la Ateneo ĉe frekventata strato. Ni prezentis 16 lingvojn kaj disdonis varbilojn pri Esperanto. Kelkaj preterpasantoj kaptis okazon kaj scivoleme sekvis duonhorajn lecionojn. Plej grandan atenton vekis la japana kaj



*La urbestrino salutas la konferencon*

nepala lingvoj. Vendrede la plejmulto de konferencanoj karavane busveturis al "Colonia de Sacramento", kie ili vizitis pitoreskan urbeton enskribitan en la listo de mondaj heredaĵoj de Unesko kaj poste daŭrigis per ŝipo al Bonaero. Dum la semajno ni havis buntan programon kaj ĉiuj bone amikiĝis kaj amuziĝis dum la paŭzoj. Koran dankon al urugvajaj samideanoj, kiuj strebis al bona disvolviĝo de la konferenco en tiu-ĉi signifoplena jubilea jaro inter Esperanto kaj Unesko pro la 60-a jariĝo de la unua Rezolucio. Moralan subtenon al la konferenco esprimis ankaŭ la urugvaja prezidento Don José Mujica.

**Liba Gabalda**

# LA UNUA REZOLUCIO DE UNESKO PRI ESPERANTO

En la nuna jaro festas la esperantistaro la 60-jariĝon de la unua rezolucio de Unesko pri Esperanto, akceptita de ĝia Ĝenerala Asembleo la 10-an de decembro 1954. La signifo de tiu rezolucio estis kaj estas ege grava por la esperantistoj dum longaj jardekoj, ĉar la esenco de la rilatoj inter Esperanto kaj Unesko en la komuna agado donas praktikajn aspektojn kaj tendencojn. La rezolucio montras similecon inter la celoj de Esperanto kaj de Unesko. La „Jaro Montevideo 60” celas festi la jubileon de tiu granda venko de la Esperanto-movado, kaj al tio konsentis la 47-a ILEI-konferenco en Montevideo. Jen la rezolucio:

„La Ĝenerala Konferenco, diskutinte la Raporton de la Ĝenerala Direktoro pri la Internacia Peticio favore al Esperanto:

**Notas** la rezultojn atingitajn per Esperanto sur la kampo de la internaciaj intelektaj interŝanĝoj kaj la proksimigo de la popoloj de la mondo;

**Rekonas**, ke tiuj rezultoj respondas al la celoj kaj idealoj de Unesko;

**Notas**, ke pluraj Ŝtatoj-Membroj informis pri sia preteco enkonduki aŭ ampleksigi la instruadon de Esperanto en siaj lernejoj aŭ superaj edukaj institucioj, kaj petas tiujn Ŝtatojn-Membrojn informadi la Ĝeneralan Direktoron pri la rezultoj atingitaj sur tiu kampo;

**Komisias** la Ĝeneralan Direktoron sekvi la kurantan evoluon en la uzado de Esperanto en scienco, edukado kaj kulturo, kaj tiucele kunlabori kun Universala Esperanto-Asocio en aferoj koncernantaj ambaŭ organizaĵojn.”

# Kio vere okazis en *Santiago de Compostela* en Hispanio?

La 24-an de julio pasintjare ”trajno 151” survoje de Madrido al *Ferrol* akcidentis, kiam ĝi eniris la trako-kurbiĝon ’Kurbo de A. Grandeira’ ĉ. 5 km antaŭ *Santiago* kun multe tro granda rapideco. Multfoje la teruraj bildoj estis montrataj en televido kaj ret-gazetoj, kaj ĉiam ekde la unua momento la fokuso estis je la lokomotivestro, kiu fatale eraris, ĉar li nemalpligrandigis la rapidecon sufiĉe. Ĝis nun li estas la sola akuzito.

Hispanaj trakciilkondukistoj kreis apogajn grupojn por li, kaj ĝenerale multaj kolegoj dise en la mondo protestis pro tiu ’unuflanka vidpunkto’. Norvega lokomotivestro analizis la sekurecan kaj proceduran situaciojn kaj verkis artikolon, kiu aperis en la norvega fakĵurnalo *Lokomotivmands Tidende* 3/2014.
Verŝajne ni ĉiuj memoras la filmon, kie ”trajno 151” veturas en la kurbiĝon kun rapidego de preskaŭ 200 km/h – la plej granda permesita rapido tie estas 80 km/h. Kompreneble la lokomotivestro grave eraris, sed montriĝas, ke ne estis sufiĉa trajn-sekurigsistemo, kiu povis bremsi la trajnon, se pro iu kaŭzo la kondukisto ne faris tion.

La nova fervojlinio *Ourense – Santiago de Compostela* (parto de Madrido – *Ferrol*) estas la unua parto en la regiono *Galicia* konstruita por granda rapido, kiu estu maksimume 350 km/h. La trajn-sekurigsistemo estu la plej moderna en kadro de la komando sistemo *ERTMS (Eŭropa Fervojtrafika Komandosistemo:* Sistemo de signalsekurigo kaj direktado de veturil-cirkulado, uzanta la trajn-sekurigan sistemon ETCS por regado kaj sekurigo, kaj la radiofono-reton GSM-R por datumtranssendo), kaj la linio estu normalŝpura (laŭ *UIC*). Ŝanĝo de ŝpurlarĝeco kaj same de sekurigsistemo okazu je en veturo al *Ourense* kaj je forveturo (direkto Madrido) de *Santiago*.
Sed montriĝis, ke la novaj trakciiloj aĉetitaj por la linio malbone komunikas kun *ERTMS*. Daŭris tro longe restarti la sekurigsistemon, kaj pro tio (por ŝpari veturtempon) oni decidis, ke la sekurigsistemo por tiu trakciiltipo anstataŭe estu *ASFA Digital* (Hispana malnova

sistemo por trajn-regado kaj trajn-sekurigo) tiu sistemo kovras grandan parton de la hispana fervoja reto. Samtempe estis decidite konstrui la linion kun iberia ŝpurlarĝeco (1668 mm) por ŝpari tempon ĉe ŝpurŝanĝo. Sed tio kaŭzis ankaŭ, ke oni ŝanĝis la limon por kontrolado de *ERTMS*, tiel ke ĝi estas kiel la *ASFA*-nivelo. La limoj por kontrolo inter *ERTMS* kaj *ASFA* estis pro tio ŝanĝitaj tiel, ke la lastaj trakantenoj 'balizoj' de *ERTMS*-parto sendas mesaĝon al la trajno, ke la rapido estu maksimume 200 km/h, sed *ASFA* ne havas kontinuan kontrolon de la rapido, kaj pro tio ĉiuj trajnoj devas esti bremsataj ĝis 80 km/h fare de la trakciilkondukisto antaŭ la kriza kurbiĝo.

Estas la respondeco de la trakciilkondukisto plenumi la permesitan rapidon surbaze de

- kono de la relvojo kaj loka pejzaĝo,
- la veturplano de la trajno,
- signalplatoj laŭlonge de la trako.

La lokomotivestro de "trajno 151" estas iom pli ol 50-jara kaj havas 30 jarojn da sperto en la fako. Li estas dum kelkaj jaroj en la grupo *Galicia* kaj veturas sur tiu linio kelkfoje semajne. En tiu tago en julio 2013 li eniris la trajnon en *Ourense* por sia lasta veturo de la tago ĝis *Santiago*. 2,9 km malantaŭ *Ourense* la trajno eniris la novan liniparton por grandrapidaj trajnoj. Ekde tie ĝis *Santiago* funkcias la *ASFA*-sistemo, kiu permesas rapidon ĝis 200 km/h.

Se ni imagas por momento, ke por grandrapida trajno kiel tiu jam funkcius trajn-sekurigsistemo *ERTMS*, la situacio estus tiel:
La trakciilkondukisto ricevas averton je la lasta 'balizo' de *ERTMS* antaŭ *Santiago* pri ŝanĝo al *ASFA*, kaj li devas per aktiva ago kvitanci pro tiu averto. Se li ne kvitancus, la sekurigsistemo mem aktivigus la bremsojn ĝis plena halto de la trajno.
Sed la trajno jam veturis kun aktiva *ASFA*, kaj tiel la lokomotivestro ne ricevis tiun averton. Iom poste estis mallaŭta akustika signalo en la kondukistejo – tiu signalo rakontis pri venonta signalo, kaj se li estus aŭdinta tion, li estus sciinta, la atingitan lokon sur la linio.
Sed tiun akustikan signalon li ne aŭdis, ĉar samtempe sonis lia poŝtelefono, kaj li respondis al ĝi. Estis la trajnestro, kiu volis informiĝi pri alvenkajo en *Santiago*. Ili parolis dum 1 minuto kaj 40 sekundoj. Kiam ili

finis paroli, restis 800 m ĝis la kurbiĝo, kie oni rajtas veturi maksimume 80 km/h. La lokomotivestro ĝis tiam kredis,
ke li troviĝas en tute alia loko. Li aktivigis la danĝerbremson, sed multe tro malfrue. Kiam la unua vagono renversiĝis, la rapido estis 179 km/h.

En la pejzaĝo de *Ourense*al *Santiago*estas tre malfacile orientiĝi, precipe kiam oni rapide veturas. Tion rakontas multaj lokomotivestroj – kelkaj diras, ke ili bremsas, kiam ili '… preterpasas la grandan domon kun naĝbaseno en la ĝardeno…'kaj simile.
Kiam la *ASFA*-sekurigsistemo estas uzata sur grandrapidaj linioj, plej ofte oni ne metas la signalplatojn, per kiuj la kondukisto povus orientiĝi.

Tio ĉio ne senkulpigas la lokomotivestron de "trajno 151", sed multaj opinias, ke li ne portu la tutan kulpon. La batalo nun estas inter la entrepreno *Adif (Administranto de Fervojaj Infrastrukturoj en Hispanio)*, kiu zorgas pri relvojoj kaj signaliloj kaj tute senkulpigas sin, kaj la publike nomumita esplorjuĝisto, kiu strebu trovi la tutan historion. La lokomotivestro estas akuzita pri neglektema hommortigo en 79 kazoj … mortis 79 homoj en la akcidento, kaj multaj grave vundiĝis.

Estas komplika situacio kun multaj signifaj faktoroj. Estas du signal- kaj trajnsekurigsistemoj kaj du fervojaj retoj, kiuj kunligiĝas en la sama loko tuj antaŭ tre kriza trako-kurbiĝo. La diversaj juristoj kaj teknikistoj espereble eltrovos meti la kulpon en ĝusta loko.
Post la akcidento oni instalis *ASFA*-'balizojn' en la kriza loko, kaj homoj miras: povus esti tiel facile eviti tian teruran akcidenton? Ankaŭ oni poste pli-edukis trakciilkondukistojn pri la danĝera loko, kaj oni tute malpermesas nun la uzon de poŝtelefono en kondukistejoj, sed estas tragedio – por la multaj, kiuj perdis karulon, por la multaj, kiuj vundiĝis, kaj por la lokomotivestro de la "trajno 151", kiun oni de la komenco suspektindigis kaj krimigis sen havi pruvon.

Ĉi-printempe la esplorjuĝisto retiriĝis pro personaj kialoj, kaj antaŭnelonge oni nomumis anstataŭanton. Povas daŭri longe, ĝis la afero estos finpritraktita.

Kompilis **Lene Niemann**, reviziis **Heinz Hoffmann**

# ENHAVTABELO POR LA JARO 2014

## IF 2014.1



## IF 2014.2



## IF 2014.3



## IF 2014.4



## IF 2014.5



## IF 2014.6

# Novaĵo el Japanio

La 1-an de oktobro oni festis en Japanio la 50 jariĝon de la „Tokaido Shinkanzen", aŭ la kuglotrajna linio de Tokio ĝis Osaka, kiu debutis en 1964, la jaro de la Tokiaj Olimpikaj Ludoj. Dum la pasinta duonjarcento entute ĉ. 5,6 miliardoj da homoj veturis sur tiu ĉi linio, kiu estis tiam nomata la „Superekspreso de revo". Kvindek jarojn poste en la sama tago ĉe la stacio Tokio okazis ekvojaĝa ceremonio por la unua trajno de la tago „Nozomi n-ro 1". Oni festis ĝian ekiron al la stacio Hakata malfermante dekoracian bulon kiel oni same faris antaŭ 50 jaroj por „Hikari n-ro 1", la unua trajno, kiu servis en ĉi tiu linio.



En la ceremonio partoprenis s-ino TERASHIMA Etsuko, la unua filino de s-ro YAMAMOTO Kouichi, kiu veturigis la historian trajnon „Hikari n-ro 1" antaŭ 50 jaroj. Ŝi diris, ke la ekiro de la trajno emociis kaj larmigis ŝin rememorigante al ŝi la tiaman maltrankvilan humoron de ŝia patro. Laŭ la filino, eĉ post sia emeritiĝo s-ro YAMAMOTO daŭrigis la fervojistan kutimon certigi la sendanĝerecon de objektoj ĉirkaŭ si, direktante sian montrofingron al ili, kaj kriante „Bone!", precipe kiam li veturigis aŭton. Dank' al tiaj strebadoj de ĉiuj laboristoj la Shinkanzen-linio de Tokio ĝis Osaka ne havis eĉ unu fatalan akcidenton kun perdo de pasaĝera vivo ekde enservigo en 1964.

La fervoja analizisto KAWASHIMA Reizou laŭdas la Shinkanzen-linion el du vidpunktoj, altnivela sendanĝereco kaj la efektivigo de rapideco je 200 km/h en komerca servo.

**OKITA Kazumi**

INTERNACIA FERVOJISTO
64-a eldonjaro
Dumonata fervojfaka Revuo en Esperanto kaj organo de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio

Prezidanto: Rodica Todor (Rumanio)
rodica_todor@yahoo.com

Vicpr: Sylviane Lafargue (Francio)
sylviane.lafargue@dbmail.com

Sekretario: Vito Tornillo (Italio)
vitorni@virgilio.it

Kasisto: Laurent Vignaud (Francio)
laurent.vignaud@free.fr

Redaktora Komisiono:
Gvidanto: István Gulyás (Hungario)
istvan.gulyas@hdsnet.hu
Membroj: J. Patay, J. Ripoche

Franca poŝtĉekkonto:
Ĉekoj aŭ ĝiroj al „Laurent Vignaud”
9 293 74 Y NANTES
IBAN:
FR3320041010110929374Y03237
BIC-kodo:PSSTFRPPNTE

UEA-konto: iffk-o

Apermonatoj:
januaro, marto, majo, julio, septembro, novembro

Redaktofino:
Ĉiam la 10-an de la antaŭa monato
ISSN 0230-323x
www.ifef.net

Faka Komisiono:
GV: Jan Niemann
niemann@kabelmail.dk
SK: D-ro Heinz Hoffmann
hoffmann-ifef@cablemail.de
SK: Inĝ Ladislav Kovař
kovar.lad@email.cz

# KOREKTO

En la 2014 /4 numero de la revuo Internacia Fervojisto aperis la „Resuma jarraporto” de la landaj asocioj de IFEF. En tiu raporto estas skribita, ke en Germanio ne okazis jarkunveno en la jaro 2013. Laŭ la informo de GEFA tiu aserto ne estas vera, ĉar en 2013 inter la 11-a kaj 13-a de oktobro en Heilbronn okazis jarkunveno kun riĉa labora kaj turisma programo.
Pro la miskompreno la estraro de IFEF petas pardonon.

**La red.**



*CRH2C- tipa motortrajno de Ĉinio.*



*Pagodo en Kunming*